

# LA VERDA LUPEO

27-a jaro



23(102) INFORMILO DE ELF-AREK SEPT. 95

Offizielles Organ der ArGe ESPERANTO im VPhA




BILDPOŜTKARTOJ DE LA 7-A UK 1911 EN ANTVERPENO (B) KAJ DE LA 8-A UK 1912 EN KRAKOVO (A)



Protokolo pri la ELF-AREK kunveno dum la 80-a UK en Tampere(FIN)

La 25-an de julio 1995 okazis la kunveno de la membroj de ELF-AREK en ĉeesto de reprezentantoj el 8 landoj, du el ili estis interesuloj. Post la inaŭguraj vortoj de la reelektita prezidanto, s-ro Ivar Paulsson (S), oni elektis s-ron Lech Kosieniak (PL) kiel gvidanto de la kunveno. S-ro Paulsson asertis, ke li pretas denove estri EKF-AREK ĝis la UK 1996 en Praha. Tial li petis, ke ni serĉu novan kandidaton por la prezidanto. Kiu pretas transpreni tiun postenon? Bv. faru proponojn.

Plia punkto estis la ŝanĝo de la kotizoj ek de 1996. Por "okcidentanoj" DM 30,-- kaj por "orientanoj" DM 20,--.

S-ro Hirsch (D) estis komisiita renovigi la kontrakton kun UEA.

S-ro Hirsch atentigis ankaŭ pri la fakto, ke ELF-AREK depost 1991 perdis pli ol 100 membrojn. Kiamaniere regajni ilin? Li ankaŭ informis pri la noveldonenda broŝuro "La ĉina Lunkalendaro", krome pri la katalogo, pri la suplementoj. Li atentigis, ke se, ekz. la suplemento 1995 estas presita, tiam ne plu eblas postliveri suplementojn el la antaŭaj jaroj. Ankaŭ li raportis pri nia LVL, pri nov-malkovritaj E-stampoj kaj aliaj E-aĵoj.

Estis proponoj forigi la vortojn: "maŝinstampo (ms)" kaj "senfina maŝinstampo (sms)". Oni anstataŭu ilin per: *longstampo* au *flagstampo* aŭ *mekanika stampo.* Unuanime oni decidis, ke la vortoj, respektive mallongigoj *maŝinstampo (ms)* kaj *senfina maŝinstampo (sms)* restu. Krome oni diskutis pri "Filatela Vortaro". S-ro Hirsch esploros la aferon.

S-ro Hirsch informis pri la morto de nia membro Jack-Andre Rousseau (F) kies memoron la ĉeestantoj honoris per unuminuta silento.

S-ro Juozas Racius (LIT) (interesulo) informis, ke li publikigis lastatempe artikolon pri E-poŝtmarkoj en litovia filatelista revuo. S-ro Stanislaw Mandrak (PL), nova estrarano de PEA, informis pri diversaj E-aĵoj, eldonitaj lastatempe de la E-klubo Gliwice (PL), inkluzive de bildlibro pri tiu urbo kun E-traduko. La bildlibron oni povas ricevi de la Urba Oficejo en Gliwice (PL).

Sekvis informoj pri novaj E-aĵoj, kiujn oni kolektas, ekz. telefonkartoj.

S-ro Vlastimil Kocvara (CZ) konstatis kun bedaŭro, ke por la venontjara UK en Prago oni ne sukcesis eldoni specialan E-poŝtmarkon. Tamen estas planitaj speciala kongresa poŝtstampo, glumarkoj, varbpoŝtstampo(j). Jam estas preta tre bela kongresa afiso kaj bildkartoj kun E-teksto.

Post la fermo de la kunveno estis intersanĝo de diversaj E-aĵoj.





*Postan gratulon al nia redaktoro*

Nia redaktoro, Rudolf Burmeister, fariĝis dum majo 1995 *65-jaroj*
Bedaŭrinde la gratulo elfalis el la junia numero de nia LVL. Tamen, niaj elkorajn gratulojn li ankoraŭ nun akceptu.

## *La redaktoro parolas*

Atingis min dum la pasinta duonjaro multaj gratuloj pro nia LVL-numero 100 kun kuraĝigaj vortoj por daŭrigo.

Ankoraŭ pli multajn bondezirojn mi ricevis lige kun mia malsaniĝo kaj kvaronjara enhospitala restado. Al ĉiuj tiuj mi povas sciigi, ke mia nuna sanstato kontentigas min kaj ebligas al mi daŭrigon de la por-kaj per-Esperanto laboroj. Al ĉiuj bondezirintoj koran dankon. Dankemaj ni ankaŭ estas al ĉiuj niaj geamikoj, kiuj per iliaj informoj helpas al ni eldoni nian informilon,

via Rudolf Burmeister

## NI EN ALIAJ GAZETOJ

*Global Stamps News (Usono), Aprilo 1995*

D-ro Arthus Delaney verkis por tiu filatela revuo ampleksan artikolon sub la titolo: *"L.L.Zamenhof-Founder of Esperanto"*. La artikolo ankaŭ montras bildojn de E-pm kaj E-glm kaj bildon de la autoro. La aŭtoro ankaŭ menciis *ELF-AREK* kaj nian *LVL.*
Informis: Cornelius J.McKown. Koran dankon al li.

*Informilo de Fed. Cult. FRANCE EST pour l'Esperanto.*

En nro: 89, 1/95, ni trovis unupagan informon pri *FILATELIO KAJ ESPERANTO EN NIA FEDERACIO.* Nia kolektamiko *BASSO* informas en ĝi pri E-stampoj en tiu orienta franca regiono.

Interesa informo por ni estas, ke la poŝtoficejo *BENNWIHR-MITTELWIHR* funkcias por 2 urbetoj kaj situas inter tiuj ambaŭ urboj. La 50-a kongreso de la SAT-Amikaro okazis en Mittelwihr,
Informis: Michel Basso kaj ni dankas pro la informo.

*ELF-AREK.-anoj kunvenis*

Dum la 50-a Kongreso de SAT-Amikaro en Bennwihr-Mittelwihr kunvenis niaj klubaj amikoj: Andre Sadier, Raymond Bore, Modesto Ramelli, Michel Basso kaj aliaj interesitoj. Ili reciproke konatiĝis kaj interŝanĝis materialojn. Estas planite ankau kunveni dum la venontaj Kongresoj de SAT-Amikaro.

## MORTIS

Je la 11-an. de majo 1995 estis trovita morta en sia hejmo nia kolektamiko *Jack Andre Rousseau.* Dum multaj jaroj li estis membro de ELF-AREK. Li estis aktiva en la E-filatelio ĝis la lasta spiro. Eĉ post la morto ankoraŭ aperis en la junia numero 1995 de *"l'echo de la*

*timbrologio"* artikolo el lia plumo pri la E-filatelio. Por tiu filatela gazeto li kontribuis artikolojn ekde februaro 1982 kaj por la *"le Monde des philatelistes"* li publikigis artikolojn de novembro 1959 gis 1977. *"Heroldo de Esperanto"* omaĝis la 4-an de majo 1995 lian duoblan jubileon: 80-a naskiĝtago kaj pli ol 60 jaroj da esperantisteco. Esperanton li eklernis en la jaro 1933. Li ripozu en paco.

nome de ELF-AREK: Rudi Burmeister

# STAMPOJ



atentigo por la stampoj:
la *kursivaj numeroj* estas la listigaj numeroj de LVL kaj la aliaj ciferoj estas la <u>provizoraj</u> katalog-numeroj.

TJ 1994 *37* 139 (ET) Beijing/Pekino - Ye Shengtao



Beijing, oktobro 28, 1994 (as)
Teksto en la ĉina kaj Esperanto:

*LA 100-A NASKIĜDATREVENO DE KAMERADO YE SHENGTAO*

Bildo: Portreto, E-steloj kaj vertikala ideograma teksto.
Desegno de: Xie Shaoxing kaj Tan Ailing. Uzita de PMK Xiqu (Beijing)

Ye Shengtao estis kunfondinto de la societo "Amikoj de Esperanto", krome li estis eminenta ĉina verkisto, edukisto, sociaktivulo kaj subtenanto de Esperanto.
Informoj de CKG.

TJ 1994 *38* 140 (ET) Beijing - Ba Jin (Bakin)



Beijing 1994. novembro 25 (as)
Teksto en la ĉina kaj en Esperanto:

*LA 76-A DATREVENO DE LA ESPERANTOAGADO DE SAMIDEANO BAKIN (BA JIN) 1918 - 1994*

Bildo: Portreto, E-stelo kaj teksto en la ĉina kaj Esperanto: *BAKIN: Mi estas konvinkita, ke Esperanto certe fariĝos komuna lingvo de la homaro.*
Samtage aperigis E-PK-TUT. Vd. sur paĝo:

Desegnis: Xie Shaoxing kaj Tan Ailing. Uzita de PMK Xiqu (Beijing).

*<u>Pri lia vivo</u>*

Bakin apartenas al la rondo de elstaraj homoj en nia Esperanto-Movado kaj tra multaj jaroj akompanis aktive la agadon de la esperantistoj en Ĉinio. Bakin famiĝis kiel verkisto kaj estis aganta prezidanto de la

*Ĉina Verkista Asocio* De 1986-1989 li estis prezidanto de la *Ĉina Esperanto-Ligo* kaj jam delonge apartenas al la *Honora Patrona Komitato* de UEA. 1980 li partoprenis la UK'on en Stokholmo.Li gvidis la ĉinan delegacion. Dum tiu UK Ĉinio farigis membro de UEA.

Bakin naskiĝis la 25-an de novembro 1904 en rica familio sub la nomo *Li Yaotong*, alinome: *Li Feigan*. 1921 li legis pri Esperanto kaj verkis por la gazeto *DUONMONATO* la artikolon *"La trajtoj de Esperanto"*, kvankam li tiutempe ankoraŭ ne scipovis Esperanton. La korea studento Gao Zhixing instruis al li Esperanton 1921 en Chengde.Samjare Bakin kontaktis Hujucz en Ŝanhajo. Sed nur en la jaro 1924 en Nankino, Bakin helpe de lernolibro intense lernis Esperanton. 1928 li denove renkontis Hujucz, sed en Parizo kaj li loĝis duonjare ĉe li. Decembro 1928 li revenis al Ĉinio kaj ekloĝis en la sidejo de la *Ŝanhaja E-Asocio*. Li plene aktiviĝis en la E-Movado kaj redaktis la faman E-gazeton *La Verda Lumo*. 1932-1951 la vivo kondukis lin ekster la movado. En 1951 li revenis kaj fariĝis membro en la novfondita *Ĉina Esperanto Ligo*. Dum la tristaj jaroj de la *"Granda Kultura Revolucio"* li estis "flankenigita" kaj senigita je la civitanaj rajtoj, ĉefe pro tio, ĉar li skribis dekkvar "fi-sorĉajn librojn". Inter tiuj troviĝis ankaŭ la konata libro: *Aŭtuno en la Printempo"* (Esperantigita de Laulum).

(Fonto: Artikolo en la revuo "esperanto", oktobro 1994)

TJ 1995 *02* 201 (NET) Haikou - Jilin




Haikou, 1995 januaro 12
Teksto en la ĉina kaj Esperanto:

*LA NEBUL-PRUJIGAJO DE JILIN*

Bildo: Mapo kun indiko, kiu situas Jilin
Desegnis kaj informis: ZLR. Uzita de PMK Haikou por nova pm.

TJ 1995 *03* 202 (NET) Haikou - Monto




Haikou, 1995 februaro 18
Teksto en la ĉina kaj en Esperanto:

*DINGHU - MONTO*

Bildo: Fasano kun montoj en la fono
Desegnis kaj informis: ZLR. Uzita de PMK Haikou.

TJ 1995 *04* 203 (NET) Haikou - Estonteco




Haikou, 1995 marto 6
Teksto en la ĉina kaj Esperanto:

*PROGRESIGI SOCION.KUNKREI ESTONTECON*

Bildo: Emblemo de UNESCO sur mano
Desegnis kaj informis: ZLR. Uzita de PMK Haikou por nova pm.

|TJ 1995 *05* 204 Beijing - Wang Ying|

Beijing, 1995 marto 8 (as)
Teksto en la ĉina kaj Esperanto:

*LA 80-A NASKIĜ-DATREVENO DE KAMERADINO WANG YING*

Bildo: portreto, steloj kaj teksto en la ĉina kaj Esperanto:

*AKTORINO, VERKISTINO KAJ SUBTENANTO DE ESPERANTO.*
Desegnis: Tan Ailing kaj Xie Shaoxing. Informis: Qin Kaiĝi.




Noto: Sur la pk ĉinlingva titolo, skribita de Xie Hegeng, iama kun laboranto de Zhou Enlai kaj verkisto .

Wang Ying (1915-1973) estis en Ĉinio fama aktorino, verkistino kaj kunlaborantino de Zhou Enlai. Ŝi partoprenis en la antijapana rezist-milito enlande, en Usono kaj Singapore. Dum Septembro 1995 estis prezentita filmo pri ŝi kaj ŝia edzo Xie Hegeng, kiu estas amiko de ĈKG.

|TJ 1995 *o6* 204 (NET) Haikou - Strigoj|




Haikou, 1995 Marto 22
Teksto en la ĉina kaj Esperanto:

*STRIGOJ*

Bildo: strigo
Desegnis kaj informis: ZLR. Uzita de PMK Haikou por nova pm.

TJ 1995 *07* 205 (NET) Haikou - Osmanto




Haikou, 1995 aprilo 14
Teksto en la ĉina kaj Esperanto:

*LA DOLĈA OSMANANTO*

Bildo: foliumitaj branĉoj
Desegnis kaj informis: ZLR. Uzita de PMK Haikou por nova pm.

TJ 1995 *08* 206 (NET) Haikou - Tabloteniso




Haikou, 1995 majo 1
Teksto en la ĉina kaj Esperanto;

*LA 43-A MONDA TABLOTENISA ĈAMPIONECA KONKURSO*

Bildo: Tablotenisa pilko kaj batilo. Rektangula stampo
Desegnis kaj informis: ZLR. Uzita de PMK Haikou por nova pm.

TJ 1995 *09* 207 (NET) Haikou - Liberigo




Haikou, 1995 majo 1
Teksto en la ĉina kaj Esperanto:

*LA 45-A JUBILEO DE LA LIBERIGO DE HAINAN*

Bildo: Flago de PR Ĉinio kaj insulo kun palmoj.
Desegnis kaj informis: ZLR. Uzita de PTO Haikou.

Ni kore dankas al nia ZLR pro la senditaj Haikou-informoj.

TJ 1995 *10* 141 (ET) Beijing - Chu Tunan

Beijing, 1995 majo 3 (as)
Teksto en la ĉina kaj Esperanto;

*LA 75-A DATREVENO DE ESPERANTO-AGADO KAJ LA 40-A DATREVENO DE LA POPOLDIPLOMITA AGADO DE SAMIDEANO CHU TUNAN*

Bildo: Portreto, E-stelo sur koro kun: 1919-1994, du tergloboj kun: 1954-1994,

Presita stampo de Pekina Xiqu-a PMK sur memorkoverto. Informis: CKG.

*Ceremonio* por filatelaĵo memore al la ĉina veterana esperantisto *Chun Tunan* en Pekino, 3-a de majo 1995

Okaze de la 41-a datreveno de la fondigo de "Ĉina Popola Asocio por

Amikeco kun fremdaj landoj" pekinaj esperantistoj kunvenis pro ceremonio




okaze de emisio de poŝta memorkoverto por la "75-a datreveno de la Esperanto agado kaj la 40-a datreveno de popol-diplomita agado de samideano CHU TUNAN."

La memorkoverton eldonis la Pekina Poŝta Administracio. Iniciatis ĝin Chen Haosu (vd. sube) kaj unu el la urbestroj de Pekino subtenis la eldonon. La desegnon faris Quan Shixie, Tan Ailing kaj Xie Shaoxing. La tekston verkis ELF-AREK-ano Qin Kajĝi (CKG).

Sur la memorkoverto estas presita portreto de samideano CHU TUNAN, memoriga E-Stampo kaj tekstoj en ĉina kaj Esperanto (dorsflanke):

> *S-ano Chu Tunan (1899.8.28 - 1994.4.11). fama erudiciulo, profesoro, fervore subtenanto de Esperanto-movado kaj prestiĝa soci-aktivulo. estis vicprezidanto de la Konstanta Komitato de la Centra Komitato de la Ĉina Demokratis Ligo, unua prezidanto de la Ĉina Popola Asocio por Amikeco kun Fremdaj Landoj, prezidanto de la Societo "Amikoj de Esperanto" kaj honora prezidanto de la Pekina Esperanto-Asocio. Dum sia tuta vivo li energie batalis por la ĉina revolucio kaj konstruado. Li faris grandan kontribuon por la disvastigo de Esperanto kaj por la popola diplomatio.*

La ceremonion partoprenis profesoro Chen Yuan, Zhang Qicheng, Chen Haosu (filo de la fama generalo Chen Ji), Gao Changhua, profesoro Chu Zehan

(filo de Chu Tunan) Zhou Guoxiang, Zeng Heyao kaj aliaj elstaraj personoj el la cina socio.
Noto: Resumo el la raporto de Ĉin Kajĝi de 30 05 1995.

En la katalog-suplemento 1995 jam aperis kun la numero 10 la unua maŝin-varbstampo de entute 5 planitaj stampoj de diversaj urboj. La dua jam aperis de la "Københavns Postcenter". Ĝi validas de la 24 04 - 02 06 1995:

|DK 1995 *11* 11 Københavns Postcenter - ms|

La aliaj estos uzitaj de jenaj poŝtcentroj kaj je jenaj datoj:

| | |
|---|---|
| Østjyllands Postcenter | 24 06 - 04 08 1995 |
| Nordsjaellands Postcenter | 28 08 - 06 10 1995 |
| Nordjyllands Postcenter | 30 10 - 08 12 1995 |

La informoj venis de: Alandia Stamps Ltd. FIN-221010 Mariehamn kaj de nia kolektamiko Benny Nielsen(DK), dankon!
La ĝusta traduko de la danlingva varbteksto estas:

*Esperanto - unu interpopola lingvo*




|FIN 1995 *11* 6 Tampere -UK|




Dum la 80-a UK en Tampere (FIN) oni uzis specialan poŝtstampon ek de la 22 07 1995. La fina dato ankoraŭ ne estas konata, cu la 29 07 au 28 07 1995. La stampo estis uzita de poŝtoficejo en Tampere. La sola oficiala tago en la kongresejo (giĉeto) estis la 27 07 1995. La stampo estas sambilde kiel la glumarko. La grandeco estas 25x22.
Detalojn oni ne povis akiri dum la UK.

|HU 1995 *12* 130 Pecs/Budapest - 47-a IFEF-Kongreso|




Pecs 1, 1995 majo 18, 22 kaj 23 (Ø 28 kaj 30 mm)
Budapest 4, 1995 majo 18 (Ø 30 mm)
Teksto en la hungara:

*47-a Internacia Fervojista E-Kongreso*

Bildo: IFEF - insigno. Desegnis: Tibor Rigo




339 fervojistaj E-istoj el 23 landoj partoprenis en tiu ĉi kongreso en la fama urbo Pecs, kiu konatigis en Esperantujo pro la ĉiujaraj IREN. Jenaj ELF.-AREK-anoj partoprenis tiun kongreson: *Straif (A), Niemann (DK), Gimelli (I) kaj Fekete (H).* Certe ili interkontaktiĝis. La E-filatelajn materialojn kaj informojn sendis nia kolektamiko Fekete. Koran dankon al li.

## *DATKORKETOJ DE JAM KATALOGITAJ STAMPOJ*

Francio: Katalog-No: 64 (Aix les Bains): tamen uzita la 16 01 1995




Ĝis nun nekonata stampo de la 71-a UK de Guangzhou (vd. LVL 22(101), pago 5).

Ĉar mi ne denove volas renversigi la numeradon en al katalogo mi donos al tiu stampo la numeron: 5 A.







Italio (LVL 22(101), paĝo 14). Oni trovis UTK kun la dato: 20 12 1972. La germana Michel - Katalogo notas 30 12 1972.

*K O R E K T O J  D E  D A T O J  D E  P O L A J  S T A M P O J*

Nia kolektamiko Bielak sendis plurajn leterojn kun studoj pri datoj de iuj polaj E-stampoj, kiujn li opinias katalogendaj kiel postajn erarojn. Aliaj opinias, se la datoj estas ekster la oficiala tempo, ili estas forĵetindaj fuŝajoj. Jen la al vi certe interesaj notoj :

*PL 26: (105-a naskiĝtago de Zamenhof): Kiu havas tiun stampon kun la dato: 16 kaj 17 12 1964? Trovitaj ĝis nun nur estis la datoj: 15 kaj 18 12 1964.*

*PL 73 La dato 06 10 1968 laŭ Bielak estas "poŝta eraro", ĉar polaj katalogoj notas tiun stampo kun la dato: 07 10 68.*

*PL 106 Marian Kostecki (PL) en no: 26 de* FENIKSO *klarigis, ke temas pri oficiala stampo, sed nur uzita en la loka poŝtoficejo. Tiu stampo tute ne estas trovebla en polaj katalogoj.*

*Mi konstatis, ke neniu katalogo estas sen eraroj: Tra jardekoj nia sta de Leningrado (Petersburg) ne estas trovebla en SU-katalogoj. GDR-no: 1 laŭ iu germana katalogo estis uzita nur en Karl-Marx-Stadt (Chemnitz), sed ĝi estas vere uzita en tri aliaj urboj, sed ĝis nun, pro manko de pruvekzempleroj, ne katalogitaj.*

Rimarko de katalog-prilaboranto: Ĝis kiam mi ne ricevas pruvekzemple-rojn, mi ne faros ŝanĝojn en la katalogo.

GLUMARKOJ 

*47-a Internacia Fervojista Esperanto Kongreso*




Nia kolektamiko Fekeţe informis, ke por tiu kongreso estis eldonita glm. Ĝi okazis: 20.-26 majo 1995 en Pecs. La glm estas mgl 35x35 kun parte verda cirklo.

Bildo: IFEF-insigno, viola/oranĝa rubando kun la surpreso Pecs kaj sube preĝejo de tiu urbo.

*51-a Kongres de SAT-AMIKARO*




Nia kolektamiko Andre Sadier informis pri glm por tiu kongreso, kiu okazos en Orly (F) 6.7.8. Aprilo 1996

La folio de 16 memgluaj markoj kostas 4 IRK (kun afranko)
Mendeblaj ĉe: SAT-AMIKARO, 67 A,.Gambetta, F-75020 Paris




*NOVA TUT-PK EL HUNGARIO*

Hungario, 1995 majo 18
Nominalo: 14 forintoj, vendoprezo: 17 forintoj
Bildo de la surpresita pm: verda E-stelo sur blua terglobo
La desegnaĵoj estas sur griza fono.
Teksto en la hungara lingvo kaj Esperanto:
*47-a Internacia Fervojista Esperanto-Kongreso*

Feladó:
LEVELEZŐLAP
47. Nemzetközi Vasutas Eszperantó Kongresszus
47-a Internacia Fervojista Esperanto-Kongreso
14 Ft
MAGYARORSZÁG
FISAIC
PÉCS HUNGARIO
1995
47. Nemzetközi Vasutas Eszperantó Kongresszus
Pécs - 1995. május 20-26.
ÁLLAMI NYOMDA Rt. · ÁRA: 17 Ft

Sur la adresflanko maldekstre bildo de konstruaĵo kun kolora represo de la E-glumarko en verda, blua, flava kaj nigra. Krome hungarlingva teksto de la kongreso kun urbo kaj dato.
Grafikisto: *Kartesz Daniel*
Unuatagaj stampoj estis uzataj en Budapest 4 kaj Pecs 1.
La informojn sendis nia Fekete. Koran dankon al li.

*GAZETBANDEROLA TUT-AĴO EL BRAZILO*

Niaj klubaj geamikoj senlace fosas en la Esperantista pasinteco kaj ofte kun mirinda rezulto. Aliloke en tiu LVL vi trovas la informon de nia kolektamiko H. Heiss (D) pri la afranklibera karto de militkaptito el la jaro 1915. Nun mi povas informi vin pri eltrovaĵoj el la jaroj 1923 kaj 1930. Mi volas tre detale prezenti al vi la leteron de nia kolektamiko Rezende Piton:

*"... En mia urbo Campinas loĝas spertulo pri la brazilaj tutaĵoj,*

*inĝ.Reinaldo Macedo, kunautoro de la tutaĵ-katalogo, ekspozanto, kiu ricevis multajn orajn medalojn. Nuntempe li estas juri-ano de la Filatela estraro. Macedo posedas elstaran kolekton de la brazilaj tutaĵoj. Li nun hazarde trovis detaleton sur unu el malnovaj tutaĵoj, kiuj koncernas Esperanton kaj li informis min. Temas pri gazetbanderolo kun surpresita oranĝ-kolora pm de 40 rejsoj. Tiun la poŝto surpresis inter 1923 kaj 1930. Ofte la poŝto samtempe surpresis la propagandajn tekstojn.*




*Sur "nia" legeblas en la franca lingvo:*

*LA FILATELA BRAZILO - Ilustrita monata revuo, karto-filatela kaj esperantista*
Fondita 1903. La plej antikva en Brazilo. Specimeno ĉe la direktoro: *D-ro Benjamin C. Camozato* en Cachoeira (prononcu: Kasoejra)(Rio Grande de Sul).

Sufiĉe interesa estas la noto pri "esperantista" gazeto. Sed nun pri la "direktoro": En la libro ESPERANTO MODELO (1938) estas notoj pri la enkonduko de Esperanto en Brazilo de 1896 - 1906. Inter alie legeblas
*En Porto Alegre: Chr. Kraemer, R.F. Geyer kaj Benjamin Camozato faris intensan propagandon pere de la ĵurnalo:* "Correio de Povo" *kaj per kursoj.*

En EdE mi trovis la notojn:

*Benjamin Camozato, dentkuracisto, fondinto kaj unua prezidanto de E-Societo de Sant Catarina (1907). Krome li estis direktoro de "La Filatela Brazilo", kiu publikigis artikolojn en Esperanto kaj pri Esperanto.*

Do, ke kelkaj informoj pri tiu brazila esperantisto, eble la unua brazila E-kolektanto. Mi nun esperas trovi tiun tutaĵon por mia kolekto..."
Mi ĝojas kun vi pri tiu trovaĵo kaj pro via informo. Koran dankon al vi, kara Rezenda Piton.

*E-tutaĵo je privata iniciativo okaze de la naskiĝtago de Bakin (Bajin)*

La 25-an de novembro 1994, okaze de de la 90-a naskiĝ-datreveno de samideano Bakin, la Pekina Xiqu-a PMK eldonis filatelaĵon (E-TUT-PK) kun la titolo: *"La 76-a datreveno de Esperanto-agado de samideano Bakin (Bajin)."* La titolo troviĝas maldekstre sur la poŝtkarto, skribita ideograme de s-ino Bingxin, fama verkistino, kunfondinto de la societo: *"Amikoj de Esperanto"*.




Sur la poŝtkarto kun la nominalo de 10 fen estas presita:

Verda memoriga stampo kun portreto de s-ano Bakin kaj bildo de kovrilo de la libro: *"Bakin kaj Esperanto"* (en la ĉina lingvo), eldonita de la Ĉina E-eldonejo. Sur la libro-kovrilo la eldiroj de Bakin: "Mi volas oferi miajn maljunajn jarojn al la afero por la interpopola amikeco kaj ĉi tiu afero inkluzivas Esperanto" kaj "Multajn vortojn mi volas diri al miaj gesamideanoj, mi ja deziras fari iom por disvastigi Esperanton".

Dekstre sube, saminke, presita de la eldoninto: Xiqu-a PMK.
Informis kaj sendis: Qin Kajĝi. Li supozeble iniciatis tiun ĉi eldonaĵon kun la stampo.

## HUMANISMA HELPO DE UEA 1914–1918(1919)

Elstaran, ĝis nun ne konatan filatelaĵon posedas nia kolektamiko Heiss en sia Esperanto-filatela kolekto. Felice ni ĝin kopie povas montri al vi. Temas pri koresponda karto por militkaptitoj kadre de la *"Humanisma Helpo de UEA"* eldonita de la *Itala Katedro de Esperanto"* en Bologna (I). La karto estas skribita dum novembro 1915. La tekstoj sur ĝi estas en la itala kaj germana lingvoj kaj en Esperanto. La karto estis "afranklibera".




"Belega" peco, kiu dokumentas la *Humanisman Helpon* de UEA dum la Unua Mondmilito. Iam ni jam informis pri s-ro Tellin el Bologna, kiu iniciatis tiun *Italan Katedron.* Pri li informis nia kolektamiko Gimelli.

Koran dankon al ni kolektamiko Heiss, kiu disponigis la nunajn informoj kaj la kopion.

Ekzistas ankaŭ alia pk el Bologna, kiun vi povas vidi en nia katalogo. Kiu el niaj kolektamikoj ankoraŭ havas dokumentojn pri tiu *Humanisma Helpo* de UEA?

## E-POŜTMARKOJ

### *Nekonata variajo de SU - pm*

Ni stampbank-estro W. Heimlich nun akiris bild-PK, afrankita i.a. kun la 7-kopeka Popov-pm kun la surpreso de 8 kopekoj. Stampita en Leningrado (hodiaŭ Petersburgo). Tiu pm estas sendenta (tranĉita). Tiu variaĵo ne troviĝas en katalogoj. Certe temas pri maloftaĵo.

Rimarko de la katalog-prilaboranto: ŝajne estas iu de la multaj presprovaĵoj, kiuj ne ĉiuj estas listigitaj. Mi esploras la aferon.




## Preferie de la Esperanto – filatelio

### Louise Weiss (1893 - 1983)




Ŝi konatiĝis kun d-ro Zamenhof, kiam, survoje al la UK en Boulogne sur Mer (1905), d-ro Zamenhof haltis por kelkaj tagoj en Parizo. Li loĝis kun sia edzino ĉe d-ro Emile JAVAL, amiko de d-ro Zamenhof. S-ino Weiss estis nepino de d-ro Javal kaj ŝi eklernis Esperanton, kiun ŝi poste primokis.

### Granda Logio de Francio




Jen memoriga pm pri la *Granda Logio de Francio*", kiu, de 1913 kaj ĝis nun laboras la *Logio Esperanto*. Laŭ la artikolo *"Ĉu Zamenhof estis framasono"*, skribita de nia Amouroux, daŭre ekzistas al origina nomo *"Universala Framasona Ligo (U.F.L)"* por la ne-Esperanto-Ligo, kiu havis sian originon ek de la UK 1905 en Boulogne sur Mer. Menciinde estas la fakto, ke en 1975 la kvitancmarko por la membreco montras la portreton de d-ro Zamenhof kun la jarciferoj: 1905 - 1975. Ĉu nia d-ro Zamenhof estis framasono ne estas konata.

Dankon pro la interesaj informoj de nia kolektamiko Amourou, kiu ankaŭ sendis la koncernajn pm.

## ESPERANTO – FILATELA TERMINOLOGIO

Jam antaŭ multaj jaroj mia amiko d-ro Erich-Dieter Krause, Leipzig, li estas elstara lingvo-specialisto por la ĉina, indonezia kaj aliaj lingvoj, diris al mi, ke en la filatela E-terminologio regas absoluta kaoso. Mi bonvolu klopodi pri "ordigo" en tiu kampo. Kompreneble mi tion ne faris, ĉar mi tute ne sentas min kompetenta pri terminologio.

Rudolf Burmeister

Rimarko de la katalog-prilaboranto: La sola vortaro pri filatelaj terminoj estas la vortareto de Herbert M. Scott, kiu aperis 1928 en la eldonejo de "HEROLDO". Ĝi aperis en Esperanto kaj la germana, franca kaj angla lingvoj. Ĉu iuj el niaj ge-kolektamikoj scias ion pri alia filatela vortaro? Bv. atentigu nin pri tio.

## La "genezo" de poŝtmarko

1985: La UNESKO-rezolucio de 1985, punkto 3, rekomendis jubileajn Esperanto-poŝtmarkojn.

1985: La Centra estraro de GDREA *) starigis laborplanon por la Jubilea Jaro; i.a. notas klopodojn pri la aperigo de tia jubilea pm.

D-ro Detlef Blanke direktis tiucele petitionon al la posta ministerio nome de la Kulturligo de la iama GDR.

1986: Konsento de la ministro! Grafikistoj ellaboris skizojn. Komisiono de GDREA *)vokita la la ministerio por prijuĝi specimenojn de la pm. La desegnaĵo de grafikisto E. Haller. (Karl-Marx-Stadt-Chemnitz) estis elektita. La desegnaĵo estis farita laŭ ideoj kaj materialo de nia R.Burmeister. kiu ofte kunsidis kun la grafikisto.

1987: 7-a de julio: Apero de la pm-bloko, eldonkvanto: 2 100 000. La poŝtejo de BERLIN 1085 uzis memorigan poŝtan E-stampon. Speciala UTK ne aperis, sed kovertoj kun tiu bloko kun iu ajn stampoj el tiu tago estas notita en la Michel-Katalogo kun GMK 11,--, GDREA *) pretigis ornamajn kovertojn kun jubilea desegnaĵo, kiuj estis uzitaj de E-istoj por fari UTK.

*Notoj pri la bloko kaj stampo(j)*

Sur la bloko aperas la tekstoj en germana kaj Esperanto:

-Esperanto en la servo de paco-
-Por amikeco inter la popoloj-
-Sen paco ne futuro- (estonteco)

Ankaŭ la memorstampo, uzita de 7.7.-7.9.1987 de la poŝtoficejo BERLIN 1085, estis dulingva kun la teksto: 100 jaroj Esperanto.




Ĉe la giĉetoj tiu pm-bloko ne estis libere aĉetebla. Necesis havi filatelistan kuponon por ricevi maksimume 2 pecojn. "Normala" afero en la iama GDR.

Merkata prezo por la bloko varias inter 2.-- gis 5,-- GMK.

(*) E-Asocio de la iama GDR)

*Variaĵoj de la E-bloko de iama GDR*

Eble mi estas malbona filatelisto. neniam mi iom pli atente rigardis tiun blokon, de kiu mi posedas intertempe pli ol 1000 pecojn. Nur nun mi tion faris kun konsterniga rezulto: Ekzistas variaĵoj. Mi trovis variaĵojn de la koloro kaj elstarajn preshazardaĵojn.

*Koloraj variaĵoj:*

A: Hararo de Z. kaj la jakedo brile bruna

B: Hararo de Z. kaj la jakedo nigre bruna (eble la "normala kóloro)

*Preshazardaĵojn:*

1) Normala tipo: Sen "ronda insigno" sur la jakedo dekstre

2) Variajo: "ronda insigno" sur la brusto dekstre

3) Variajo: la sama maldekstre

De pozicio 2 mi trovis 20 pecojn, de la pozicio 3 nur 2 pecojn.

Mi ne scias, ĉu temas el faka vidpunkto pri veraj variaĵoj aŭ kolekektindaj objektoj. Certe mi devas konsulti specialan katalogon de variaĵoj, kiu aperis pasintjare. Intertempe mi konstatis, ke la kolordiferencoj kaj la variaĵoj ĝis nun ne estis notitaj.

Trarigardu viajn ekzemplerojn de tiu bloko. La komercistoj ankaŭ ofertas ilin.

Variaĵon 2 mi trovis unu post la alian en mia stoko. Markas ĝin ankaŭ du streketoj, maldekstre sur la bloko, ĉiam en la sama loko.

## *ANTAŬBATALANTOJ POR INTERNACIA LINGVO*

*Comenius kaj Esperanto*
de Julie Ŝupichova

La 28-an de marto 1917 la bohema nacio festis la 325-a datreveno de la plej glora reforminto de lernejoj, de la mondkonato *Johannes Amos Comenius (Jan Amos Komensky)*, kiu prave estis nomita "instruisto de la nacioj".

Ĉi tiu patriarko de pedagogio estis unu el tiuj homoj, kies destino ne permesas al ili, ĝui la sukceson de la idealoj, por kiuj ili batalas. La tuta agado de tiu ĉi *"vir-* *desiderii"* (viro de so- piro) estis celanta al klerigo de la popoloj, kaj li profunde deziris, ke la civilizacio estu ĝenerale, t.e.ke ĝi kon- cernu ĉiujn homojn sen diferenco de gento kaj deveno.




Pri la ebleco de arte- farota lingvo Comenius estis konvinkita kaj pli ol 30 jarojn tiu ĉi eminenta scienculo okupis sin per "nia" ideo. Jam en sia fama verko "Via lucis" (La volo de la lumo-1641) li skribis inter- alie ankaŭ pri nova lingvo universala, kiun oni devos krei, por ke la korperacio de saĝaj viroj el ĉiuj nacioj povu kune interkorespondadi. La latina lingvo ne estis laŭ lia opinio jam sufiĉanta por tiu ĉi granda celo, ĉar ĝi ne posedas novajn de tempo al tempo plimultigitajn esprimojn.

Li skribis pri tio en *"Via Lucis XIX 9"* Mi opinias, ke unu lingvo komuna estas necesa por la mondo, kaj, se ne ekzistus alia, oni estus prava destini prefere la latinan lingvon ol ian alian por tiu celo. Sed ĉar niaj ideoj nun pli alten celas, ni ne povas alie, ol pli volonte konsili lingvon tute novan."

Plue li postulis, ke la nova lingvo universala estu pli facila ol ĉiuj ceteraj lingvoj kaj tiel sufiĉa por perfekta kaj facila esprimado de ĉiuj aferoj kaj ideoj

La glora bohemo des pli ŝatas -kaj certe prave- krei lingvon novan, superantan ĉiujn lingvojn jam konatajn, facilan, por ke oni povu ĝin lerni sen perdo de tempo kaj mono.

Al tiuj, kiuj dubos pri la ebleco de artefarita lingvo li diras:

"Oni eble ne dubas pri la ebleco konstrui tian lingvon nova. Se tamen iu dubas, mi diras, ke tio estas ebla....Se estis ĝis nun permesita al Adamo, al filozofoj, metiistoj ktp, donadi nomojn al aferoj, kial ne estus permesata al ili, donadi ankaŭ verbojn, partikulojn kaj la ceteran, kio apartenas al tuta lingvo.

Tiamaniere la entuziasma propangandisto de lingvo universala skribis kaj certigis al ĉiuj en siaj famaj verkoj, ke artefarita lingvo estas ebla, kaj, ke ĝi povas esti multe pli simpla, pli perfekta, pli regula kaj facila ol iu ajn lingvo nacia.

Comenius antaŭvidis bezonon, celon kaj grandegan utilecon de komuna helplingvo, kiu nur en la jaro 1887 silente eniris la mondon, portante sur sia frunto la modestan nomon: *Esperanto*--

Estu dankata kaj glorata la nomo de la granda viro de sopiroj kaj ĉiu esperantisto dankeme memoru la boheman geniulon.

(el la "Germana Esperantisto", marto 1917)



Planitaj glumarkoj por la venontaj Universalaj Kongresoj




Por la 81-a Universala Kongreso de UEA estis planita eldoni la apude bildigita glumarko. Ĝi montras turojnde la kongres-urbo Prago, la ĉefurbo de Ĉehio.
La UK okazos de la 20 07 - 27 07 1996




Jam aperis la glumarko por la 82-a Universala Kongreso de UEA en Adelaide en la fora Aŭstralio.
La UK okazos de la 19 07 - 26 07 1997, do, en la vintra sezono de la suda duonglobo.

=*=*=*=*=*=*=*=*=*=*=*=*=*=*=*=*=*=*=*=*=*=*=*=*=*=*=*=*=*=*=*=*=*=*=*=*

INFORMILO DE ELF-AREK
(Esperanto-Ligo Filatelista = Amika Rondo de Esperantaj-Kolektantoj)
Offizielles Organ der ArGe Esperanto (laborgrupo Esperanto) im (en la) deutschen (germana) VdPh (asocio de Filatelaj Laborgrupoj,

| | | |
|---|---|---|
| *Redaktoro:* | *Rudolf Burmeister,* | *Max-Müller-Str.62 D-09123 Chemnitz* |
| *Prezidanto:* | *Ivar Paulsson* | *Skytteholmsvägen 29 S-17144 Solna* |
| *Kasisto:* | *Rolf Beau* | *Jacobstr. 9 D-04105 Leipzig* |
| *Banko:* | *Sparkasse Leipzig, Konto-No: 1 190 223 208 Bankkodo (BLZ): 860 555 92* | |
| *Poŝtbanko:* | *Nürnberg Konto-No: 036 6737-855 Bankkodo (BLZ): 760 100 85* | |
| *UEA-konto:* | *elfx-r* | |
| Kotizoj 1996: | okcidentanoj DM 30,--/orientanoj DM 20,-- | |
| Stampobanko: | Werner Heimlich | Fröbelstr. 4 D-29614 Soltau |
| Kompostis, presis kaj ekspedis: | Richard Hirsch | Lambertstr. 12 D-36251 Bad Hersfeld |